Ara: 30 ft.

# "krono sur mia vivoverko"

## la restoracio Gundel en Budapesto

1

# juna amiko

Numero 62
92/3

INTERNACIA KVARONJARA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO




**ilei** INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

Forpasis belaj, feriaj tagoj dum kiuj vi ripozis post laborplena lernojaro. La tempo forpasas tamen fulmorapide kaj jen komenciĝis la nova lernojaro. Multaj el vi la unuan fojon trapasis la sojlon de la lernejo kaj tio signifas, ke komenciĝis en via vivo nova kaj ege grava periodo.

Ni elkore deziras al vi brilajn sukcesojn en la lernado (ankaŭ de Esperanto) kaj nur la plej altajn notojn de instruistoj.

Ni ege deziras scii kiel aspektas en via lando la solena malfermo de la nova lernojaro. Raportu al ni pri tio! Ne forgesu ankaŭ skribi al ni pri viaj buntaj, feriaj travivaĵoj. La plej interesajn raportaĵojn ni publikigos en la sekva numero de Juna Amiko kaj la aŭtoroj ricevos donacon - libreton kun originale en Esperanto verkitaj porinfanaj poemoj.

Multajn sukcesojn deziras
al Vi
Esperantina kaj Stefan


Juna amiko — internacia revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de Internacia *Ligo de Esperantistaj Instruistoj* (ILEI). Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre, novembre.

Redaktoro: Stefan MacGill
Help-redaktoro: Esperantina Mirska
Adreso de la redakcio: Juna amiko, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.
Abonprezo en Hungario: 120 forintoj ĉe Hungara ILEI-sekcio: M. Kovács, Ady Endre u. 23-25c, H-1221 Budapest.

Abonprezo por reform-eŭropaj landoj: 250 forintoj. Prezo ĉe la abonservo de UEA: 12,00 gld. Ĉe la kasisto de ILEI: 40 SEK (B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio. pĝk: 682117-7 (Stokholmo) Perantoj en tridek landoj aplikas enlandajn tarifojn kaj proponas rabatojn por kvantaj mendoj.

Anonctarifo: Kvaronpaĝo: 400ft en Hungario, 40 gld. aŭ kvar jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj. Duonpaĝo: 600ft, 60 gld. aŭ 6 jarabonoj. Tuta paĝo: 800ft, 80 gld. aŭ 8 jarabonoj.

# de telerlavisto al mondfama gastronomo

Ĉio komenciĝis per la Gundel-palaĉinta (patkuko). Lang Gyorgy estis 15-jaraĝa knabo kiam li vizitis la ĉefurbon, Budapeŝto, kun sia patro. Ili decidis tagmanĝi en urboparka restoracio. Tiam la knabo unuafoje en sia vivo gustumis la frandan specialaĵon. Tio okazis en 1936. Lia revo estis fariĝi violonisto. En la aĝo de 22 jaroj li elmigris al Ameriko por prepari tie sian karieron. Sed baldaŭ li demetis la muzikilon ĉar li komprenis, ke li ne povas esti la unua en la mondo do li ne volis esti la dua. Li tute ne parolis la anglan, tial li eklaboris kiel telerlavisto.

Hodiaŭ sinjoro Lang estas mondfama gastronomia konsilanto, fakverkisto, kaj kunlaboranto en la malfermo de 400 restoracioj kaj hoteloj en 29 landoj, kaj en la elekto de iliaj kuirstiloj. Lia plej fama restoracio estas en Nov-Jorko, la *Cafe des Artistes*. Kun sia financa kunulo li nun aĉetis la faman budapeŝtan restoracion *Gundel* (vidu nian kovrilan ilustraĵon).

La demando estas: kiam li rezignis pri la violonludo kial li elektis ĝuste en restoracio labori? "Tute simple, ĉar mi ŝatis kaj sciis kuiri. Mi estis tia stranga knabo, kiu ĉiam estis en la kuirejo ĉirkaŭ la virinoj. Post miaj taskoj ankoraŭ horojn pasigis tie ĉar volis ĉion lerni de la kuiristinoj." Sendube tio sukcesis.

"Transpreni ion, kio havas siajn tradiciojn, tio estas granda defio. Mia tasko estas veki ĉi tiun restoracion el fabela dormo. Ni klopodos la artvaloran konstruaĵon renovigi por aspekti denove laŭ la iama pompo. Itala marmoro kaj francaj tapiŝoj ornamos ĝin interne. En la granda salono estos ekspoziciataj la pentraĵoj de la plej famaj pentristoj. Kompreneble ne estos malmultekoste. Sed en ĉiu urbo estas almenaŭ unu loko, kiu estas eleganta kun unuaranga kuirarto kaj perfekta servo. En mia vivo mi ekigis pli da restoracioj ol iu ajn alia. Sed ĉi tiu estas io alia. Tio estas pasio.

Se iu tiamaniere volus ekriĉiĝi tiu seniluziiĝus tre. Sed mi opinias ĝin kiel kronon sur mia vivoverko. Ni uzos en la kuirejo nur freŝajn kreskaĵojn. Ni ofertos nur laŭsezonajn. Ankoraŭ neniu kuirĉefo estis pafita, ĉar ne estis freŝa asparago en la menuo, se oni havis bonan oferton de aliaj aferoj. Ni stokos la plej bonkvalitajn vinojn de la 17 hungaraj vinkulturejoj kaj ni aĉetos de kulturisto mem. Ni posedas vinberejon en la vilaĝo Mád. Nia kuireja ĉefo serĉos, esploros la originajn menukartojn kaj receptojn. Ni ĉiutage preparos proksi-

VORT-KLARIGOJ

*franda*: bongusta
gastronomio: kuir-arto
defio: ambicia farendaĵo
pompo: majesteco, gloro
marmoro: ornama ŝtono
pasio: forta deziro
asparago: longa svelta legomo
plado: manĝ-verko
fajna: delikata

mume 15 pladojn kaj gustumos ilin por decidi ĉu ili taŭgas por la hodiaŭa gusto. La famiĝintaj pladoj devenis de la tradicia hungara kuirarto sed estas realigitaj en pli fajna kaj trapensita formo. Ankaŭ ni sekvos tiun principon."

*tradukis: Mária Soponyai*




## PLI OL MIL VETERAJ VERSOJ

Pasintjare *Juna amiko* aperigis alvokon pri la ensendo de priveteraj rimaĵoj kaj sentencoj. Pro ĝi la vokinto, s-ro Leen Deij el Nederlando, ricevis respondojn el Francio, Aŭstralio kaj Hungario, kie la nova revuo *Eventoj* represis la alvokon. S-ro Deij mem tradukis 888 diraĵojn pri la vetero el la germana kaj nederlanda. Poste pro alvokoj en diversaj gazetoj, li ricevis buntan reagon, kiel montras la apuda tabelo.

| | |
|---|---|
| 23 el la angla | 23 el la itala |
| 8 el la bengala | 10 el la japana |
| 20 el la bulgara | 4 el Kalifornio |
| 91 el la ĉeĥa | 9 el Malto |
| 8 el la dana | 3 el la rumana |
| 5 el Eburio | 12 el la serba |
| 8 el la finna | 16 el la slovaka |
| 86 el la estona | 63 el la sveda |
| 79 el la franca | 5 el Togolando |
| 43 el la hungara | |

ESPERANTO – KULTURA PONTO

# POEMA PAĜO

**Zmaj Jovanovic Jovan:**

## La grimpoj

Ducent, tricent foje
mi sur arbo estis,
sed la grimpoj miaj
sen mencio restis.

Sed nur unu foje
mi falis de tie.
Pri la grimpoj miaj
nun parolas ĉie.

*Tradukis: Vojnic Blaŝko.*

## Mi kaj mia hundo.

Ni promenas kune
printempe kaj aŭtune,
vintre kaj somere
matene kaj vespere.

*Valerij Jegorov*
*Sankt-Peterburgo*





Desegnis: Pavel Rak, Prago

**Vojnic Blaŝko:**

## Jes kaj ne

Se staras demando:
"Ĉu sunon ŝatas vi?"
"Jes", facile respondas mi.

Se staras demando
"Ĉu vi gepatrojn amas
kaj la fratojn, vi?"
"Jes", facile respondas mi.

Se staras demando
"Ĉu vi militon volas?
Ke via patro kaj patro de Petro,
kaj patro de Paŭlo foriru.
Ke venu trista, nigra ondo".
"Ne", mi dirus kun la tuta mondo.

¿BOJ... BOJ... SALUTON!

# Mia hundo Jeti

Ĉu vi scias, ke Jeti
ege amas kureti,
ege amas petoli,
salti kaj kaprioli?
Ĝi postkuris anasojn
kaj frakasis du tasojn,
poste gvatis bovinon,
plaŭde falis en tinon,
malsekigis la felon
kaj forkuris en kelon.
Tie estis malhele.
Jeti iris ŝancele,
sed subite ekstaris,
levis nazon kaj flaris.
Kia bela odoro!
Komenciĝis esploro:
vice potoj jen staris
kaj la vojon ekbaris.
unu plenis je suko,
dua je la laktuko,
tria, ruĝa, el lado,
plenis je marmelado.
sed ĉi lasta, ĉe l' vando
plenis je la viando.

Hund' kovrilon forĵetis,
la muzelon enmetis,
matenmanĝon arangis
kaj viandon formanĝis.
Poste lipojn ŝmac-lekis,
(ĝi ne sciis, ke pekis)
ekgustumis la torton
kaj revenis en korton.
Tie kuris kaj bojis,
estis sata, do ĝojis.
Kulpo restis senpuna
Jeti estas ja juna.

verkis:
Zofia
MIRSKA
Pollando



# kontaktoj trans la limoj

La plej grava utilo de Esperanto en lernejoj estas, ke ĝi povas alporti internaciajn kontaktojn el tre diversaj mondpartoj. Sur la sekvaj paĝoj ni prezentas la kutiman enketilon pri instruado. Sed ĉi-jare ni ŝanĝas la emfazon. Ne tiom ni enketas, sed proponas al instruistoj akiri kontaktojn. Ni aperigos la informojn en numero 93/1, por ke ankoraŭ en la nuna jaro eblos ekkorespondi, starigi ĝemeligan projekton, eĉ aranĝi grupan viziton.



**Niaj fotoj montras ekzemplojn de eblaj kontaktoj. Supre, anoj de la lernejana turisma grupo 'Strannik' tendumas kune apud Kievo en Ukrainio. Sube, du lernantoj montras la korespondan tabulon en la Esperanto-klaso en Budaörs, Hungario.** *Juna amiko* **estu via pordo al similaj projektoj!**



INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

## KONTAKTILO POR LERNEJAJ KLASOJ 1992/93

Bonvolu skribi klare, aldonu pliajn informojn sur aparta paperpeco se dezirate. Foto de la grupo aŭ ĝia aktiveco tre bonvenas. Atentu! Ĉi tiu kontaktilo kaj ĝiaj rezultoj aperos nur en *Juna amiko*, ne en IPR kiel okazis en antaŭaj jaroj. Sendu la kontaktilon ĝis la unua de decembro 1992 al: *Juna amiko*, ILEI, Esö u. 7 III, H-1034 Budapest, Hungario.

Urbo:________________ Lando:________________

Nomo de la lernejo:________________________

Adreso de la lernejo:________________________

________________________________

Nomo de la instruisto:________________________

Nombro da lernantoj:____________ Aĝo:____________

Nombro da lecionoj semajne: __________

Nombro da lecionoj en la kurso: __________

Kiam la lernantoj komencis studi la lingvon?__________

Ĉu la klaso estas plene oficiala? JES / NE.

Ĉu la instruisto estas salajrata? JES / NE

Ĉu partopreno estas deviga post elekto? JES / NE

Kiujn studtemojn la instrusito normale instruas? __________

Ĉu hobia grupo ekster lernejaj horoj? JES/NE

Ĉu okazas ekzameno fine de la kurso? JES/NE

Kiujn lernolibrojn vi uzas?

Kiajn internaciajn kontaktojn la klaso jam havas?

Ĉu vi petas individuan korespondadon por viaj lernantoj: JES / NE (aldonu nomojn kaj adresojn sur aparta folio) Tajpu aŭ skribu ege klare!)

Ĉu vi petas grupan korespondadon? Se jes, pri kiuj temoj kaj prefere kun kiuj landoj?

Ĉu vi volas interŝanĝi projektojn (t.e. skribitaj kaj desegnitaj raportoj kaj rakontoj) aŭ desegnaĵojn? Se jes, pri kio kaj kun kiuj?

Ĉu vi volas ĝemeliĝi kun alia klaso kaj inter vi decidi pri diversspeca kunlaboro? Se jes, kun kiaj klasoj kaj prefere kie?

Ĉu via klaso volonte bonvenigas gastojn el eksterlando? Se jes, ĉu nur instruistoj, ĉu ankaŭ bonvenas iu ajn, kiu povas prezenti sian landon?

Aliaj bezonoj por via klaso, aŭ por la instruado de Esperanto en via urbo aŭ lando:

Komentoj, sugestoj, kritikoj pri *Juna amiko*? Per kio ni plenigu la ok ekstrajn paĝojn en 1993? Kion vi volus legi, kiun vi ne trovas nun?

**Sur la venontaj paĝoj vi trovos mirindan ludon:**

# Promeno tra arbaro.

Arbaro — la loko en kiu vi havas proksiman, intiman kontakton kun la Naturo. Verdas arboj, ĉirpas birdoj, susuras rojo, svarmas formikoj, odoras rezino, sur ĉiu paŝo okazas io interesa. Jen la ludo, dank' al kiu vi povas travivi multajn aventurojn promenante tra arbaro. Bonvolu prepari ĵetkubon kaj po unu butono aŭ alia ĵetono por ĉiu el la ludpartoprenantoj. Vi ĵetas la kubon kaj kiom da punktoj ĝi montros, je tiom da lokoj vi movos vian butonon antaŭen. Tamen sur via vojo troviĝas diversaj obstakloj, iu el vi devos dumvoje retroiri al la loko kiun montros la sago. Tiam vi devos detale rakonti al kunludantoj, kio okazis. En la arbaro vivas multaj bestoj, kelkajn el ili vi renkontos dum via promeno. Tiam bonvolu rakonti pri la renkontita besto — kia ĝi estas, kion ĝi manĝas ktp. Kaj fine, post longa, aventuroplena promeno, ĉe la rando de la arbaro vi ekvidos domon. Tie vi haltos por ripozi kaj refreŝiĝi. Vi povas aranĝi konkurson: kiu plej bele kaj interese rakontos pri arbara promeno?

## LETEROJ kun KORESPOND-PETOJ

• Mi estas Diana, mi havas 13 jarojn. Mi lernas en oka klaso. Mi loĝas en la bela, antikva urbo Ŝuja. Ŝuja havas 452 jarojn. En la centro de mia urbo staras la sonorilejo Voskresenskaja. Ĝi estas 106 metrojn alta.

Mi havas du fratojn — 12-jaran, kiu nomiĝas Miŝa kaj 4-jaran, kiu nomiĝas Serjoĵa. Mi kolektas poŝtmarkojn kaj malgrandajn kalendarojn. Mi interesiĝas pri la vivo de homoj en diversaj landoj. Mi tre volus scii pri la vivo de la homoj en via lando. Mi deziras ekkoni la kulturon kaj historion de Hungario. Mi ege deziras havi letergeamikojn en Hungario.

Mi sendas korajn salutojn kaj espe s ricevi multajn leterojn. Mokrovskaja Diar , Rusio, Ivanovskaja obl. 155600 Ŝuja, ul. General Belov, g.67 A, kv.1.

• Mi nomiĝas Caio kaj estas 11-jara knabo. Mi interesiĝas pri skoltismo, naĝado, poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj, insignoj, turismo. Mi deziras korespondi tutmonde. Caio Carlos Cruz F. Silva, Caixa Postal 01-0179, BR-29001-970 Vitoria (ES), Brazilo.

• Seriozan kunlaboron proponas Kieva instru-centro de neordinaraj metodoj. 'i interŝanĝos materialojn pri instruado de Esperanto, la angla, rusa kaj ukraina al diversaĝuloj. Niaj lernantoj kaj instruistoj ĝoje korespondos grupe kaj individue. Pogorelaja Svetlana, ul. Urickogo d.19 kv.73, UKR-252035 Kiev 35, Ukrainio.

skribu al ni!



Ĵus aperis plaĉa nova infanlibro en Esperanto. Ĝi rakontas plejparte per bildoj kun tre mallonga kaj amuze ripeta teksto, la konatan fabelon pri la rato-plago en la urbo Hamelino. La libro enhavas dudek paĝojn kun nigre-verde presitaj allogaj bildoj sur ĉiu paĝo. La literoj estas taŭge grandaj kaj la preskvalito bona. Al infano tro eta por mem legi, oni povas laŭtlegi la rakonton montrante la bildojn.

La libro estas eldonita de AIMS International Books, Inc., en multlingva serio. La sama titolo jam aperis en naŭ aliaj lingvoj. Aliaj titoloj en la serio estas: La Tri Ursoj, Ruĝĉapulino kaj la Formiko kaj la Cikado. Se la nuna libro bone vendiĝos, la eldonejo pretas eldoni Esperantajn versiojn de aliaj titoloj.

Adaptis la originan tekston Hanna Hutchinson, plaĉ-stile ilustris Edward Nofziger, taŭge tradukis al Esperanto David Crowell. La libro estas aĉetebla de ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530, Usono, kaj certe ankaŭ ĉe UEA.



Kaj la virinoj diras al la viroj,

"Kial oni ne pelas la ratojn el la urbo?"

# La ŝalmisto de Hamelin

# Juna amiko kreskos en 1993!
# Ne plu 24 paĝoj, sed 32!

Jes, ni kuraĝas ampleksigi nian revuon ekde 1993, ĉar ni volas prezenti pli da materialo por la diversaj aĝ-grupoj. Precipe rakontoj kaj ludoj por pli junaj legantoj bezonas pli grandajn literojn kaj pli da desegnaĵoj. Do, ne plu 24-paĝoj sed 32! Tial, la abonkotizoj devos altiĝi proporcie — por neniu lando estas reala prez-altiĝo — kelkloke ni eĉ limigas la kreskon. Krome ni fortigas la rabatojn por kvantoj por kuraĝigi instruistojn vere mendi ekzempleron por ĉiu lernanto en la grupo. Se vi mendas pli ol 25 ekzemplerojn, la revuo kostos al vi malpli ol ĉi-jare! Notu, ke vi ricevos fortan rabaton, se vi eĉ nur du ekzemplerojn mendos. Faru tion! Konservu unu por vi mem kaj donacu unu al lernanto aŭ amiko!

## PERANTOJ DE JUNA AMIKO por 1993

Ĉefaj internaciaj perantoj: UEA en Nederlando kaj ILEI en Svedio. Ni havas perantojn multloke, kiuj akceptas kotizojn en lokaj valutoj. La unua cifero estas por unuopa jarabono (4 numeroj). La postaj ciferoj inter punkto-komoj estas la po-abona kosto por respektive 2 ĝis 5, 6 ĝis 24 kaj ekde 25 ekzempleroj sendendaj al unu adreso. Ekster-eŭrope ni sendas per aerpoŝto.

Internacia: ILEI, B. Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio. 50; 40; 30; 25 SEK. Pĝk. 682117-7 Stockholm.

Internacia: Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando (pĉk. 378964). 16; 12; 10; 8 GLD. Aere ekstereŭrope.

Migranta: Jorgos Comte, St. Felix de Rieutort, F-09120 Varilhes, Francio, aŭ ĉe la biciklo laŭ la enlanda tarifo.

Argentino: Argentina Esperanto-Asocio, C.C. 1428, RA-5000 Cordoba. Tarifo: Brazila. Aere.

Aŭstralio: Sylvia Burkitt, 20 Grandview St., Parramatta, NSW 2150. 13; 11; 9; 7 AUD. Aere.

Aŭstrio: Leopold Patek, Martinstr. 104/38, A-3400 Klosterneuburg. 100; 75; 60; 50 ATS.

Belgio: Flandra Esp-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen kaj Eldonejo Sonorilo, Dornstr. 22, B-2610 Wilrijk. 250; 210; 170; 130 BEF.

Brazilo: Brazila Esperanto-Ligo, Caixa Postal 3625 , BR-70084 Brasília (DF). 10; 8; 7; 5 GLD. Pri enlanda tarifo decidas BEL. Aere.

Britio: P. Hewitt, 26 Highfield Rd, North Thoresby, Great Grimsby, South Humberside, DN36 5RT. 5; 4; 3; 2,50 GBP.

Bulgario: Lilja Koleva, bulv. Cv. Radojkov 10 bl. 2, vh B, ap. 34, BG-1504 Sofia. La ekvivalento je la pago-tempo de 300 HUF, 6 DEM aŭ 4 USD. (300; 260; 200; 150 HUF)

Ĉeĥio: ĈEA, Jilska 10, CS-110 01 Praha. 70; 55; 45; 35 CSK.

Ĉilio: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curico; ĉekkonto 425-000-74391 ĉe Banco del Estredo de Chile. Abonoj kiel Brazilo. Aere.

Ĉinio: Zhang Danchen, Gong Wai Xi, Shifan Daxue, Wuhan, Huazhong. 10; 8; 7; 5 CNJ.

Estonio, Eva Otse Juhkentali 30-12, EE-0001 Tallinn. Tarifo kiel Bulgario.

Francio: UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, F-75004 Paris. 45;40;30;25 FRF.

Germanio: Esperanto-Centro Paderborno, Grünigerstr. 5, D-W-4790 Paderborn, kaj J. Pachter, Zum Kreuzbühl 16, D-W-7480 Sigmaringen. 14; 11; 9; 7 DEM. Orienta: Rolf Beau, Jacobstr. 9, D-O-7010 Leipzig (konto 5602-39-22320). 10; 8; 7; 5 DEM (tarifo nur por loĝantoj de orienta Germanio).

Hispanio: Francisco M. Munoz Garre, Camino del Carcanox s/n, E-30580 Alquerias (Murcia). 800; 600; 500; 400 ESP.

Hungario: ILEI,M.Kovács, Ady E. u. 23, H-1221 Budapest. 160; 130; 100; 80 HUF. Donacabonoj por eksterlandanoj 300; 260; 200; 150 HUF. Ne plu uzu HELIR!

Israelo: Aviv Faklieru, P.O.K. 8383 Tel-Aviv-Jaffa, IL-61083. Laŭ brazila tarifo. Aere.

Italio: Carla de Lorenzi, Corso Cosenza 18/10, I-10134 Torino (konto 33868100). 10000; 8000; 7000. 5500 ITL.

Japanio: H.R. MacGill, 1563-2 Okuyama, Inasa-gun, Sizuoka-ken, 431-23. 1000; 800; 700; 500 JPY. Aere.

Jugoslavio: Vojnic Blaŝko, Ferenci Ibolje 31, YU-24000 Subotica. Ekvivalento en pago-dato de 250 HUF, 5 DEM aŭ 3,50 USD. (250; 210; 170, 130 HUF).

Kanado: Merle Haltrecht-Matte, 7083 rue Notre Dame, Orléans, Ontario, K1C 1J1. 10; 8; 7; 5 CND. Aere.

Koreio: Espero librovendejo, s-ro Lee Jong-Ha, C.P.O. Kesto 3047, Seoul; tel. (822) 585-8841. Tarifoj kiel Brazilo. Aere.

Kroatio: Zagreba E-Ligo, Amruseva 5/I, CRO-41000 Zagreb. Tarifo kiel Jugoslavio.

Kubo: Kuba Esperanto-Asocio, Apt. postal 2108, La Habana 2. Tarifo kiel Bulgario.

Latvio kaj Litovio: LEA, ab/k 167, LIT-3000 Kaunas. Tarifo kiel Bulgario.

Norvegio: Eldonejo de NEL, Olaf Schous vei 18, N-0572 Oslo 5. 55; 45; 35; 30 NOK.

Pollando: J. Parzyszek, ul. Piasta 52/21, PL-15-044 Bialystok; Kastora Klubo, ul. Pulawska 3-11, PL-02-515 Warszawa; Aleksandro Kaminski, Lanowa 20a, m87, bl 41, PL-91-103 Lodz. Tarifo kiel Bulgario.

Rumanio: Vasile Albu, Str. Eroilor 9, R-2400 Sibiu. 150; 120; 100 kaj 80 RUL.

Slovakio: SEA, Sobotske nam 6, CS-058 01 Poprad. 70; 55; 45; 35 CSK.

Rusio: REU, Moskvo. Tarifo kiel Bulgario.

Svedio: Lisbet Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, S-242 94 Hörby. 50; 40; 30; 25 SEK. Pĝk. 147429-5.

Ukrainio: Esperanto Centro, P.O. Kesto 539/1 ·252200 Kiev. Tarifo kiel Jugoslavio.

Usono: ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530, aŭ Bern Wheel Books, 834 Wenonah Ave, Oak Park, IL 60304. 9; 8; 7; 5 USD. Aere.

Venezuelo: J.E. Bachrich, Apdo 70782, Caracas 1071 A. Laŭ la brazila tarifo. Aere.

Por pluraj landoj ni ne plu fiksas kotizon en la enlanda valuto. Peranto akceptante kotizojn tiel devas preni la respondecon iel transformi la sumon al konvertebla valuto aŭ hungaraj forintoj. ILEI helpos laŭeble faciligi la vojon, sed povas akcepti pagon en servoj aŭ varoj nur post anticipa interkonsento.

**Abonu nian revuon "Juna amiko" jam frue por 1993.**

**Pensu pri la ebleco donaci abonon al amiko — juna! Ni havas multajn dezirantojn por la revuo en foraj kaj proksimaj nepagipovaj landoj. Via donaco helpos nin kontentigi ilin! Se vi faras sennoman donacon, ni informos vin al kiu ni eksendos la revuon!**



La infana kongreseto estas tradicia parto de la Universala Kongreso. Dum la UK en Vieno, trideko da infanoj de 6- ĝis 12-jaraj pasigis agrablan semajnon en Melk. Kiam ili estos pli aĝaj, ili povos partopreni la Gimnazion, nove lanĉita de ILEI — pri ĝi legu sur la postaj paĝoj .



La nomo Pavel Rak kaj liaj desegnaĵoj estas konataj al niaj legantoj jam dum dek ok jaroj, sed laŭ nia scio lia foto eĉ ne unufoje aperis en la revuo. Por ripari tiun mankon, jen foto farita okaze de renkontiĝo en Prago en marto 1992 kun la redaktoro, Stefan MacGill. Pavel estas la maldekstra barbulo.



# GIMNAZIO



**La gimnazia grupo partoprenis la samajn ekskursojn kiel la konferencanoj; ĉi tie ili kolektiĝis por komuna foto fine de posttagmeza ekskurso al kastelo Devin, kiam la grupo paŭzis ĉe montflanka elrigardejo rande de Bratislavo.**

Fotis: Milan Zvara, Poprad

# kaj gimnazio!!

## ... fine, neniu volis iri hejmen

Ĉi-jare samtempe kun la instruista konferenco okazis io nova: la ILEI-Gimnazio. La tuto okazis en Bratislavo (Slovakio) komence de aŭgusto. Poste unu el la partoprenintaj junulinoj, Mariann Behrmann, raportis pri la evento en intervjuo por la hungara radio. La intervjuistino estas s-ro Eva Fárkas-Tátar, kiu prizorgas la elsendojn. Ekparolas Mariann:

**MB:** Ni estis 18-ope el ok landoj – Germanio, Pollando, Svedio, Britio, Rumanio, Ĉeĥoslovakio, Kroatio kaj Hungario – efektive ni venis el naŭ nacioj. Ni havis studhorojn, sed ne estis kiel lernejo, estis multe pli interese. Ni havis studhorojn pri seso da studobjektoj en Esperanto, do pri matematiko, literaturo, muziko, geografio kaj ni lernis ankaŭ pri Komenio. Ne nur studhorojn ni havis, sed ankaŭ organizitajn ludojn kun Gilena Tilleux el Belgio, kiuj ne estas konkursaj ludoj sed kunagadaj, en kiuj ĉiu helpas la alian. Krome, ni vizitis naĝejon, kaj iris supren en la televida turo de Bratislavo kaj ni partoprenis du busajn ekskursojn kune kun la konferencanoj – unu al ceramika fabriko kaj vin-farejo, alia al ruinoj de la kastelo Devin. Ankaŭ kelkajn programerojn de la konferenco ni ĉeestis: la disservon, interesan prelegon de argentinano, Atiljo Rojas, pri kiel amerikaj indianoj traktas la tielnomatan malkovron de Ameriko fare de Kolumbo antaŭ 500 jaroj. Plie, ni kontribuis al la programo de la internacia vespero per muziko kaj literaturo.

Ni ĉiuj havis emon partopreni en internacia societo de junuloj de simila aĝo – de 13 ĝis 16. Klare, la gimnazio ne similas al ordinara lernejo. Normale mi ne ŝatas matematikon, sed s-ro Arnaudov el Bulgario donis tiom amuzajn taskojn, ke ni tute ĝuis tion. Pleje mi ĝuis la studhorojn de muziko, sub la gvido de ges-roj Rössler, kiuj vere tre interese gvidis tion. Ni lernis tie pri ritmoj de dancoj kaj ankaŭ ni ludis per diversaj instrumentoj, ritmaj kaj melodiaj. Geografion ni lernis en formo de kvizo, kaj literaturon laŭ prelego. Du lecionoj okazis pri sorobano – la japana abaka kalkul-sistemo.

Ni lernis multon pri Komenio, ekzemple, ke li verkis la unuan lernolibron ilustritan per bildoj, ke li surscenigis plurajn rakontojn, kiujn la lernantoj prezentis en la korto de la lernejo en Sárospatak (norde en Hungario). Komenio penis, ke ankaŭ knabinoj povu viziti lernejon, ĉar en lia epoko, nur knaboj rajtis lerni. Komenio estis kontraŭ la korpa punado en la lernejo kaj proponis, ke

okazu nur kvar studhoroj en unu tago. Bedaŭrinde, tio ĝis nun ne efektiviĝis! Li proponis, ke ni havu feriojn.



**EFT:** Do, li volis tute moderne reformi la lernejan sistemon.

**MB:** Kaj lia tuta vivo estis modelo; lin oni persekutis dum la tridekjara milito, kaj pro sia kredo, li devis forlasi sian patrujon. Neniam li povis reveni al Moravio, tamen li instruis kaj verkis dum sia tuta vivo. Ni eksciis en la Gimnazio, ke tricent jarojn antaŭ Esperanto, Komenio proponis artefaritan internacian lingvon por ke la popoloj vivu en paco kaj harmonio.

Kvar el niaj lecionoj estis publikaj – la konferencanoj rajtis ĉeesti ilin kaj poste ili priparolis tion inter si. Ni ĉiuj loĝis en la sama domo, komune ni naĝis, ekskursis kaj babilis. Ni tiom bone interamikiĝis kaj fartis, ke, ĉe la fino de la Gimnazio, neniu volis iri hejmen. Estis knabino el Rumanio, kiu diris, ke dum la tuta vivo, ŝi neniam estis tiom vigla kiel en ĉi tiu semajno.

**EFT:** Ni tre ĝojas, ke vi, same kiel la aliaj, havas tiom bonajn impresojn kaj memorojn pri la aranĝo. Dankon pro la intervjuo.

---

**Publikeco pro instruado en Aŭstralio**

**Foton oni sukcesis aperigi en ĵurnalo en Perto, la ĉefurbo de okcidenta Aŭstralio, pro la familio *Shaw* kies kvar infanoj (inkluzive du 11-jarajn ĝemelojn) lernas du fremdajn lingvojn, la japanan kaj Esperanton. Ilia patro estas instruisto de matematiko, la patrino muzik-instruisto. Instruas ilin la nelacigebla s-ino Idyss Einihovici. En unulingva Aŭstralio, tia lingvolernemo estas efektive rara kaj prinotinda.**

# Klubo de legantoj

**Gvidas: Josef Chvosta, Dr. Horakove 16/268, 29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio.**

**Poŝatlaso de la mondo:** tiu libro aperis en 1971 kaj estis eldonita kaj presita en Prago, Ĉeĥoslovakio. Kiu povas skribi, kiuj el kelkaj elskribitaj informoj ne estas plu ĝustaj kaj kial?

1. Germana Demokratia Respubliko (Deutsche Demokratische Respublik) administra divido: 15 distriktoj, Bezirk (mono: germana marko: DM. ost egalas al 100 pfenigoj.
2. Italio (Republica Italiana) administra divido: 20 regionoj, 92 provincoj (ĉefurbo Romo; Roma 2,6 milionoj da loĝantoj.
3. Unuiĝinta Araba Respubliko Egiptio. Ĉefurbo Kairo. Al Quahira 4,2 da loĝantoj.
4. Ekvadoro (Republica del Ecuador) 270670 kvadratkilometroj, 6 milionoj da loĝantoj. Ĉefurbo Quito, duono da miliono da loĝantoj
5. Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj (Sovetunio, Sovetio). Administra divido: la baza unuo de administrado de ĉiu unia respubliko estas distrikto. Krome iuj el la respublikoj posedas provincojn regionajn, etnajn distriktojn, aŭtonomajn teritoriojn kaj aŭtonomajn respublikojn. Por pli efektiva direktado de industrio estas establitaj 18 grandaj ekonomiaj distriktoj kaj 47 bazaj ekonomiaj distriktoj.
6. Vjetnama Respubliko (Viet Nam Cong Hoa, Republic of Vietnam). Ĉefurbo Saigon, 1,4 miliono da loĝantoj.
7. Jugoslavio (Socialisticka Federativna Republika Jugoslavija). 6 socialistaj respublikoj: Serbio kun aŭtonoma provinco Vojvodino kaj aŭtonoma regiono Kosovo kaj Metoĥio, Kroatio, Slovenio, Bosnio kaj Hercegovino, Makedonio,Montenegro.
8. Ĉeĥoslovakio: 2 socialismaj respublikoj. Ĉeĥa kun ĉefurbo Praha, Slovaka kun ĉefurbo Bratislava.
9. Fiĝioj. (Fiji) 18234 kvadratkilometroj, duono da miliono da loĝantoj.
10. Pakistano. Administra divido: du provincoj — Okcidenta kaj Orienta Pakistano.

*Skribu viajn opiniojn al la supra adreso ĝis la apero de la nova numero. Ĉiu opinio estos rekompencata. Skribu ĝuste la landnomon de la gvidanto!*

## Deziras korespondi

### Francio

Publika elementa lernejo en urbo Roche deziras ligi korespondajn kontaktojn kun E-klasoj en aliaj landoj. Ĉefe kun 6-12-jaraj infanoj. Ecole primaire publique de la Roche, F-63700 Saint Eloy les Mines.

11-jaraj gelernantoj dez. kor. tutmonde kaj jam skribis al Albanio, sed serĉas kontaktojn ankaŭ alilande. La 41-jara instruistino estas Annie Albert, 36, ave. Liegeard, F-93190 Livry-Gargan.

### Pollando

Tomasz Solak, Kokkataja 19/7, PL-45-064 Opole. Sep-jara knabo dez. kor. tutmonde por praktika la lingvouzon. Ludas la pianon kaj lernas E-on kune kun la patrino.

### Rusio

Ĝis cent lernantoj 12-16—jaraj studas Eon sub gvido de 32-jara Valerij Malihin. La lernantoj volonte korespondos, sed prefere kun plenkreskuloj. E-klubo, Str. Konstitucii 1, RUS-660049 Krasnojarsk, Siberio.

Grupo de komencantoj (17-20-jaraj) dez. kor. tutmonde pri ĉiuj temoj. Interesoj: muziko, kulturo, fotado, sporto, k.m.a. E-grupo, ul. 9 Janvarja, d.51 l.43, Lesozavodsk, Primorskij kraj., RUS-692060.

Natalja Komarnickaja, ul. Panoramnaja 16a, Novokuzneck, RUS-654055 (Kemerovskaja obl.) 16-jara dez. kor. tutmonde. Interesoj: sporto, astronomio, kantado, dancado.

### Ukrainio

Nataŝa Olejnik, 270111 Odesa, pr.Dobrovolskogo 118-148. 13-jara knabino deziras korespondi tutmonde. Interesiĝas pri muziko, filmo, dancoj.

Elena Demetkova, 14-jara knabino, 317900 Aleksandria, str. Kominterna 2-66, Kirovogradskaja obl.

E-Klubo "Desno", Palaco de Juneco, str. Revolucio 112, 250000 Ĉernigov. 13-16-jaraj gejunuloj deziras korespondi tutmonde.

Igorj + Rostislav Volinec, Zagrevskogo 37-104, Kievo. 17- kaj 12-jaraj progresantoj.

Dima Fedorij, Majkovstogo, 22 a 66, Kievo. 15-jara progresanto.

La supraj tri apartenas al la grupo 'Strannik', kies foto aperas sur paĝo ok. Multaj pliaj grupanoj deziras korespondi, de 12- ĝis 17-jaraj. Skribu al Svetlana Fedotova, P.O. Box 88, UKR-253222 Kiev, Ukarinio.

### Usono — Alasko

Daniel de Ment, 413 Seventh St., Apt. 13, Juneau, Alaska 99801-1068. Juna universitata instruisto pri antropologio. Per interesa ilustrita cirkulero serĉas korespondantojn ajnaĝajn el la tuta mondo. Interesiĝas pri poŝtmarkoj, bestoj (havas katon 'Hamilton'), ĉia muziko, motorcikloj kaj vakera kulturo. Dez. kor. pri filozofio, etiko, estetiko ktp.

## KONKURSAJ REZULTOJ

AVIADA KONKURSO: Ĉar ankoraŭ ne pasis la limdato, ni klarigos, kial la aviadilo sur la kovrilo de nia antaŭa numero estis danĝera, nur en la venonta numero. Sekve vi havas ankoraŭ tempon partopreni la konkurson kaj eble gajni ekzempleron de la du kajeroj de *Tendaraj tagoj*.

CIRKLA ENIGMO el JA 92/2. La respondoj estas: domo, omo, moro, oro, rolo, Londono, ondo, Dono, ono, nova, varo, Romo, mondo.

KRUCVORTENIGMO el JA 92/2. Jen supre la ĝusta solvo.





# Gnomoj

En densaĵo inter arboj
vivis gnomoj kun la barboj.
Ili kaŝis sin en musko,
eliradis ĉe krepusko,
trinkis rosogutojn purajn,
manĝis frambojn plenmaturajn;
poste ĉe la lunrebrilo
saltis, ludis per strobilo,
jen vetkuris, jen petolis,
inter lapoj kapriolis,
kapantaŭe plonĝis rojon,
gaje ludis kanhobojon.
Fine lacaj, ĉe mateno
tuj ekdormis sur kuseno
el la verda, mola musko
– dolĉe dormis ĝis krepusko.



verkis: Zofia Mirska
Pollando

